# پنجره انجمن اسپرانتوی ایران رو به اینترنت!

کمبود یک مرجع جامع به زبان فارسی درباره اسپرانتو در اینترنت همواره حس می‌شده است. انجمن اسپرانتوی ایران از مدت‌ها قبل در تلاش برای راه‌اندازی یک پایگاه اختصاصی بر روی اینترنت بوده و در این راستا تلاش‌های زیادی نیز انجام داده است. مدت‌های طولانی پایگاه اینترنتی سبزاندیشان در کنار تعدادی وبلاگ وظیفه اطلاع‌رسانی به اسپرانتودانان ایرانی را بر عهده داشت. اکنون با فراهم شدن امکان ایجاد یک سایت جامع که البته هنوز در مراحل اولیه شکل‌گیری است می‌توان امیدوار بود که مقالات، اخبار، فعالیت‌ها و امکانات سمعی و بصری در یک مکان واحد گردآوری شده و انجمن اسپرانتوی ایران بتواند به بخشی دیگری از وظیفه خود به‌عنوان مرجع اسپرانتودانان ایرانی عمل نماید. آدرس سایت اصلی که به منظور انعکاس عملی فعالیت های انجمن و ارائه زبان اسپرانتو در عمل، تماماً به اسپرانتو طرح‌ریزی و اجرا شده است به‌صورت www.espero.ir می‌باشد. البته در صفحه مذکور با کلیک بر روی لوگوی انجمن که در پایین صفحه و با عنوان انجمن به زبان فارسی قرار گرفته است به بخش فارسی انجمن وارد می‌شوید که آدرس آن نیز www.espero.ir/fa می‌باشد. برای ارائه نظرات، پیشنهادات، درخواست‌ها و ارسال مطالب جهت درج در سایت به آدرس info@espero.ir رایانامه بفرستید.

# IRANA ESPERANTISTO




**Kultura sezon-revuo en la persa kaj Esperanto**
**N-ro: 1 Dua serio Printempo 2012**




***125 estas la projekto por festi la 125-an datrevenon de la apero de la Unua Libro de Esperanto en 1887***

***Pajam-e Sabzandiŝan*** (*Mesaĝo de Verdpensuloj*)
**ISSN 1728-6174**

IRANA ESPERANTISTO estas kultura kaj sendependa sezon-revuo internacia.



**Kovrilo:**
*Datreveno de Esperanto Libro*




**Persa kovrilo:**
*Printempo la komenco*



**Grafikaĵo k enpaĝigo:** *Sabzandiŝan*

**Adresoj:** Tehran, Iran
TTT-ejo : www.espero.ir
Retpoŝto: info@espero.ir

Bonvenas eseoj, artikoloj, raportoj kaj kontribuaĵoj kondiĉe ke ili ne estu publikigitaj antaŭe. Bonvenas kultur-temaj kontribuaĵoj ĉu en Esperanto ĉu en la persa.



*Estimataj legantoj!*

*Estis necese movadi kaj reaktiviĝi ĝis ĉitiuj paĝoj denove esti antaŭ viaj karaj okuloj. La 125-an dat-revenon de la apero de la Unua Libro de Esperanto en 1887 ni en la jaro 2012 jam festos. En la printempo ni esperas ke ĉiu sezone klopodu aperigi pere de la kolegoj kaj vi, vi kiuj eble esti interesaj kaj entuziasmaj ĉi-terene. Kore ni premas viajn manojn kaj kunekun paŝos prezenti pri E-o, nian internacian idealon.*

## Enhavo:

- Mesaĝo de IREA-Prezidanto, Keyhan Sayadpour
- Minimalismo en Arkitekturo kaj Desegnado: Omid Rohanian
- La projekto 125
- Amelie: Mahmud Mirbozorgi
- IREA Raportas
- Floroj el "La Florejo" Sadio: Elekto k Traduko: Keyhan Sayadpour
- IREA malfermas fenestreton al … : Hamzeh Shafii

## La persa parto:

- Esperanto Monumente, Hugo Röllinger, Parto la 1a, Tradukis: Razmehr Párto
- Esperanto en tornistro, Parto la 4a, tradukis: Simin Emrani
- IREA malfermas fenestron al … : Hamzeh Shafii

# Mesaĝo de IREA-prezidanto





Karaj samlandaj samideanoj!

Certe vi ĉiuj aŭdis la rakonton pri maljunulo kiu antaŭ morto donis tri kunligitajn ligno-pecojn al siaj tri filoj kaj neniu el ili povis rompi ilin. Poste li malligis la pecojn kaj ili povis rompi ilin facile. Li konsilis siajn filojn ke vi devas esti kunligitaj kiel tiuj ligno-pecoj por esti fortaj kaj neŝanceliĝeblaj.

Dum la lastaj jaroj IREA ade malfortiĝis: la nombro de membroj malmultiĝis. Pro tio, ni decidis ne multigi la membro-kotizojn ĉijare. Do ĝi restas 20 mil tumanoj (10 mil tumanoj por junuloj malpli ol 30-jaraj, 5 mil tumanoj por studentoj). Tiu sumo estas vere malgranda. Ni uzos ĝin por konservi nian oficejon kaj se restos pli, por aĉeti aparatojn aŭ ripari. Ni ne povas oferi avantaĝon por membroj ĉar la kotiza sumo estas malgranda mem kaj ne ekzistas rimedo por donaci iun. La membroj rajtos partopreni en finjara balotado de nova IREA-komitato.

La kotizojn vi povas pagi al la karto numero 6219 8611 0794 6682 (s-ro Hamzeh Shafiee) ĉe Saman banko, aŭ al li aŭ s-ro Mirbozorgi dum niaj kunsidoj. Ni metos la nomojn de membroj sur IREA-paĝaro.

Post pagi, bonvolu plenigi la la formon ĉe: **www.espero.ir/membrigxilo**.

Dankon pro via subteno,

Nome de IREA
Keyhan Sayadpour




# Minimalismo en Arkitekturo kaj Desegnado

**Omid Rohanian**



Minimumismo, estas ĉefe usona artmovado kiu evoluiĝis dum la malfruaj 1950-aj jaroj kaj fruaj 1960-aj. minimumismaj pentraĵoj kaj skulptaĵoj kutime konsistas el geometriaj formoj aŭ aliaj simplaj formoj, ofte aranĝitaj en formo de sinsekvaj moduloj (= moduloj estas memstaraj partoj kunmetitaj en la sistemon).

Troviĝas ankaŭ aliaj nomoj por ĉi tiu movado, inkluzive de "sistema pentraĵo", "ABC arto" , kaj "sinsekva arto", kiuj iomgrade reflektas la celojn de minimumismo.

Estas iomete malfacile loki la precizan deirpunkton de minimumismo kaj ĝiaj radikoj, ĉar estas tendenco kiu preskaŭ ĉiam iel ekzistis antaŭ ol esti enkondukita kiel moderna skolo de arto.

Ekzemple, minimumismo iel ekzistis en antikvaj orientaj tradicioj, speciale en la Zen tradicio de japana budhismo.Tio ĉefe



estis vivmaniero pli ol artisma esprimo, en kiu simpleco en ĉiuj aspektoj de la vivo estas emfazita. Nu, kiel formo de arto, kiel antaŭdirite, minimumismo estis evoluigita en la okcidento antaŭ nelonge kaj rezulte de modernaj kaj industriaj pensmanieroj. En la moderna epoko, ĝi povas esti klasifikita kiel parto de la modernismaj stiloj kiuj estis multe influitaj de abstrakta arto de la frua dudeka jarcento. Abstraktismo aperis komence de la 20-a jarcento, kiam la pentristoj foriĝis de la ripetado kaj stilo de la ĝistiamaj pentristoj.






Abstrakta arto uzas vidan lingvon de formo, koloro kaj linio por krei kunmetaĵojn kiuj povus ekzisti kun iom da sendependeco de vidaj ĉi-mondaj referencoj. Multaj skoloj en 20a jarcento, interalie minimumismo, iel devenas de abstraktismo. Famaj dizajnistoj kiuj iniciatis minimumistajn ideojn inkluzivas Ludwig Mies van der Rohe kaj membroj de "De Stijl" kiu estis nederlanda artmovado en kiu oni rekomendis puran abstraktadon kaj harmonion pere de redukto ĝis la fundamentaj formoj kaj koloroj.

Ĉi tiu stilo estas la kulmino de reduktismaj emoj en moderna arto kiuj unuafoje aperis en 1913 en iu komponaĵo (angle= composition) de la Rusa pentristo Kasimir Malevich. La komponaĵo estis nigra kvadrato sur kvadrata fono kaj nomiĝis “nigra kvadrato”.

Oni povas diri ke minimumismo estis efektive reago al pentraĵoj apartenantaj al alia postmilita movado nomita “Abstrakta Ekspresionismo” kaj kreiĝis sub influo de modernismaj ideoj.


De Jackson Pollack


La virino,
De Wilhelm Kooning

En abstrakta ekspresionismo la pentristo montras sian energion pere de bros-tiroj. La spektanto supozeble povas senti la emociojn per markoj kiujn la artisto faris. Aliflanke, minimumistoj diras ke se oni metas unu markon sur iun paĝon, la marko akiras cent procenton de la atento. Se vi almetas alian markon, la unua marko sole akiras duonon de la atento, kaj tiel plu. Do almeti pli-kaŭzas perdon de efiko en individuaj elementoj. Tio estas unu el la kialoj pro kiuj minimumismaj pentraĵoj kiel tio de Mondrian estas tre simplaj kaj senigitaj je nenecesaj elementoj.

Minimumistoj provis forigi la emocion kaj personan esprimon disde la arto, provante estigi produktojn kiuj estis simple objektoj. Ili pensis ke la signifo de la objekto kuŝis ne "en" ĝi mem, sed sur ĝia surfaco, kaj la signifo devenas de la interrilato inter la objekto kaj la spektanto de artaĵo.Minimumistoj malakceptis la ideon de ekspresionistoj ke arto reflektu la personan esprimon de sia kreinto. Male, ili adoptis la vidpunkton ke artaĵo ne temu pri io ajn krom si mem. La celo estis fari la artaĵon objektivan kaj malesprim-plenan.






Konstruaĵo minimumisma


Skulptaĵo farita pere de lumtuboj

La termino minimumismo ampleksas vastan gamon de kampoj, kiel pentraĵo, muziko, arkitekturo, desegnado, literaturo, fotografio, la kino ktp.



### Minimumisma Desegnado

“Malpli estas pli” la fama devizo de minimumistoj kiun unue la germana arkitekturo Ludwig Mies van der Rohe famigis.

Ĉi tiu frazo kiu estis unue dirita de la angla poeto “Robert downing” ŝajnas paradoksa komence. Kion ĝi vere signifas estas tio ke, produkto de arto, kaj ĉikaze konstruaĵo, devas estis enigita je iuajn



ekstraĵoj kaj ke ĝi devas esti konstruata surbaze de fundamentaj elementoj kiuj rezultigos klarecon, utilecon kaj efikon.

Minimumismaj arkitektoj havas specialan sintenon rilate al "spaco". Ili traktas ĝin kiel unu trajton de desegno. Tio estas ke, spaco mem havas identecon kaj ne estas nur fono aŭ fizika volumeno kiu devas esti



iel plenigita. En ĉi tiaj desegnoj, malplenaj spacoj estas pripensitaj kaj ludas estetikan kaj praktikan rolojn kiel aliaj elementoj. Bazaj formoj kaj rektaj, puraj linioj ankaŭ estas gravaj teknikoj uzataj en minimumisma desegnado. Ludi kun lumo ankŭ uziĝas en ĉi tiu stilo.

Parto de la arkitektoj kiel "Buckminster Fuller", kiu havas industrian pritrakton de arkitekturo, uzas la terminon "minimumismo" en iom malsama senco. Ilia devizo estas "fari pli kun malpli" kiu signifas ke minimumismaj desegnaĵoj devas esti tiel, ke ili nur inkluzivas praktikajn elementojn. Efektive, en ĉi tiu alproksimiĝo, teknologiaj kaj inĝenieraj flankoj estas pli gravaj ol estetikaj.



Iu tekniko kiun tielaj arkitektoj ofte uzas, estas doni al unu elemento pli ol unu uzon. Unu ekzemplo povus esti la planko kun kaŝita varmiga aparato sube de ĝi, formanta kaj la fundamenton por la ĉambro kaj la hejtadon de la spaco. Tio ĉi permesas al dizajnistoj krei optimuman utilecon sen amasigi la spacon.

### Minimumismo en interna arkitekturo

Minimumismo en konstruaĵoj kaj internaj spacoj postulas la uzon de puraj linioj, simplaj bazaj limigitaj koloroj kaj sen ornamaj surfacoj. Vide kompleksaj objektoj, kiel librobretoj, multpartaj fenestroj kaj eĉ ornamitaj kapkusenoj aŭ kurtenoj estas limigitaj.

Minimumisma dekoro tute temas pri malplena spaco.Kiel la nomo implicas, kiam temas pri minimumisma dekoro, "mal pli estas pli".

Ĝenerale, minimumistaj domoj havas mal pli mebloj kaj aliaj akcesoraĵoj ol aliaj domoj. Male, oni emfazas mal-plenan spacon. En internaj spacoj, oft-okaze oni provas limigi la uzon de diversaj teksturoj. Se iu skemo estas facile evidenta en iu minimumista domo, tio estas tie por emfazi specifan detalon.

Foje grandaj vitraj muroj estas uzataj por maksimumigi la uzon de natura lumo kaj estigi senton de spaca grandeco.



*************

## Rakonteto ☺

***Kiu estas pli lerta?***

Tage ĉapelvendisto preterpasis arbaron. Li decidis iomete ripozi sub ombro de arbo. Sed ĉelasis la ĉapelojn kaj dormis. Kiam li vekiĝis ne plu rimarkis la ĉapleojn. La viro rigardis supren kaj vidis, kelkaj simioj prenis ilin. Li pensante gratis sian kapon kaj vidis ke la simioj imitas lin. Denove vendisto deprenis sian ĉapon kaj ili same faris. Li ektrovis la solvon. Li ĵetis sian ĉapon kaj la simioj ankaŭ imitis. La vendisto reprenis siajn ĉapelojn kaj aliris la urbon.

Multaj longaj jaroj poste li rakontis tiun okazon por sia nepo kaj rekomendis se afero same okazus, kion li devus fari. La nepo iun tagon preterpasis la menciitan arbaron. La rakonto reokazis al li sed kiam li ĵetis sian ĉapelon sur la teron, simioj ne imitis. Unu el ili malsuprenvenis arbon kaj forte orelbatis lin kaj diris: Ĉu vi imagis ke nur vi havas avon?

***De: Rakontisto***

# La Projekto 125 estas la projekto por festi la 125-an dat-revenon de la apero de la Unua Libro de Esperanto en 1887

***Ĝia emblemo estas videbla ĉe:*** *http://www.esperanto-gb.org/eab/eab_news/2011-10-20_eo125_logo.png*

**Homoj**
- Renato Corsetti <renato.corsetti@esperanto.it>
- Stefan MacGill <stefan.macgill@gmail.com>
- Brian Barker <bribarker@hotmail.co.uk> aŭ <jubilea.jaro.125@gmail.com>
tel: +44(0)20 7272 0969
- Adjé Adjévi <adjevi.adje@hotmail.com>
- LEE Jung-kee <esperanto@saluton.net>
- Alberto F. Calienes <kubesp@enet.cu>

**Agadoj**
- 1-a Agado: Kurso 125 [respondecas Stefan]
- 2-a Agado: Esperanto-tago 2012 [respondecas Brian]

**Partneroj**
- Internacia Esperanto-Instituto - Hago
- Germana Esperanto-Asocio

Momente la projekto 125 konsistas el tri agadoj:
- unu **reta kurso 125** (kiun la landaj sekcioj de ILEI propagandos)
- unu granda informa agado kunlige kun la **Esperanto-tago en 2012**
- **aliaj agadoj** farotaj de la unuopaj landaj aŭ fakaj asocioj

1-a Agado - **Kurso 125**
2-a Agado - **Informado/Esperanto-tago**
Agadoj proponitaj de unuopuloj

**Landoj kunlaborantaj**
Angolo 125, Albanujo 125, Argentino 125, Armenujo 125, Aŭstralio 125, Aŭstrujo 125, Belgujo 125, Bosnujo 125, Brazilo 125, Bulgarujo 125, Burundo 125, Britujo 125, Ĉeĥujo 125, Ĉilio 125, Ĉinujo 125, Danlando 125, Dominika Respubliko

125, Ekvadoro 125, Finnlando 125, Francujo 125, Ganao 125, Germanujo 125, Hispanujo 125, Hungarujo 125, Irano 125, Israelo 125, Italujo 125, Grekujo 125, Japanujo 125, Kenjo 125, Kongo DR 125, Koreujo 125, Kostariko 125, Kotdivuaro 125, Kroatujo 125, Kubo 125, Latvujo 125, Litovujo 125,Makedonujo 125, Malto 125, Meksiko 125, Nederlando 125, Nepalo 125, Niĝerio 125, Norvegujo 125, Novzelando 125, Pakistano 125, Pollando 125, Portugalujo 125, Rumanujo 125,Rusujo 125, Serbujo 125, Slovakujo 125, Suda Afriko 125, Svedujo 125, Svislando 125, Taĝikujo 125, Tajlando 125, Tajvano 125, Tanzanio 125, Togolando 125, Ukrainujo 125,Urugvajo 125, Usono 125, Uzbekujo 125, Venezuelo 125, Vjetnamujo 125

**Fakaj asocioj kunlaborantaj**

- Skolta Esperanto-Ligo 125
- Grupo en Ipernity http://www.ipernity.com/group/217392 Roland <esperanto@berlin.de>
-Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio, V. Ŝilas, <litovastelo@takas.lt>
-Film-farejo **La Universala Lingvo 125**, Sam Green ("The Universal Language") <eomovie@gmail.com>

FONTO: http://www.uea.org/dokumentoj/projekto_125.html



## *Amelie*




*Amelie: komedi-romantika franca filmo (2001)*

*Direktoro: Jean Pierre Jeunt*

*Film-skribo: Jean Pierre Jeunt, Guillume Laurant*

Unu virino decidas ŝanĝi la mondon per ŝanĝi la vivojn de la personoj kiujn ŝi konas en tiu ĉarma kaj romantika komika fantazio de direktoro Jean-Pierre ...

La Originala nomo de la franca filmo:
**La fabela Destino de Amelie Poulain**

**Mahmud Mirbozogi**

Nu, kiam finiĝis la filmo, mi sentis ian malpezan senton, liberan kaj gajan, ke mi emis ekstari kaj danci. Ne tiel lerte kaj arte, iuj movoj montrantaj mian impreson, kiujn kaŭzis en mi la filmo.

Mi venis al rezulto ke ĉi tiu filmo estas kiel turnopunkto en tiama historieto de mia filmospektado (du aŭ tri jaroj da serioza filmospektanteco).

Mi spektis kaj spektadis tiun filmon kaj ĉiufoje ĝi donis al mi tiun saman impreson, kiun mi spertis en la unua fojo. Ĉiufoje freŝiĝis mia spirito. Sed ekskluzivis tiuj dancimpetaj fuŝmovoj.

Mi diris al mi mem ke, "Ho, ankoraŭ ekzistas filmoj spektindaj."

"Kial?"

Elstariĝis en mia menso, demando grava. "Kial?

Kial ĝi donis al mi tian impreson, kial mi sentis gajon post kiam finiĝis la filmo?

Nu, grava demando. Ĉu ne?

Do, mi komencis pripensi la filmon.

Unue, direndas ke ni ĉiuj scias kiom malfacila estas filmfarado. Ĉar la kinarto estas la sepa arto, pro tio devas konsideri ĉiujn aliajn antaŭajn artojn. Tio estas necesa por fari filmon artan aŭ efikan.



Sed se oni ne volus kaj ne povus fari filmojn belajn kaj artajn, oni povus ignori ĉiujn artojn kaj pensi nur pri la giĉeto kaj la mono gajnota per la filmo. (La reĝisoro mem diras ke ĉio estas grava por mi. Kaj mi skrupule konsideras la plej malgrandajn detalojn.)

Mi venis al tiu demando, ke al kiu faceto de la filmo rilatas tiaj impresoj.

Ĉu al la enhavo kaj la aventuroj de Amelie?

Ĉu al la ritmo de la filmo?

Ĉu al la muziko?

Ĉu al la koloroj de la filmo?

Ĉu la spaco de la filmo?

Ĉu Amelie mem, ŝia senkulpeco, ŝiaj rigardoj, reakcioj kaj bona rolado (nur en unu plano ŝi malbone rolas: Tiam, kiam ŝi trovas tiun skatoleton. Mi ne kredas ŝian rigardon.)

Tute hazarde mi ricevis ĉi tiun filmon. Amiko en la strato vendas DVD-ojn kaj li havas bonajn filmojn. Mi ofte iras ĉe li por aĉeti filmojn. Kaj ofte mi aĉetis plurajn filmojn.

Mi vidis la filmon Malena (Ĉu vi konas la filmon Malena?) Ĝi estas far' la reĝisoro de Cinema Nuovo Paradizo.) kaj en ĝi mi eksciis pri filmo nomita "Amili". Responde al mia mendo, li alportis ĉi tiun filmon: "**La fabouloux destin d' Amelie Poulain**" (La fabela destino de Amelie Poulain).

Mi ne atendis ĝin inter la akciaj holivudaj filmoj. Sed post kelkaj tagoj fariĝis ĝia vico. Ho, kia bela trezora filmo ĝi estas.

Morgaŭe mi informis al la filmvendisto ke ĝi ne estis mimendita, sed ege dankon!

**Enhavo**

La mesaĝo de la filmo: "Sen vi, la emocioj de hodiaŭ ne estus io krom la mortinta ŝelo de l' emocioj de alia fojo (hieraŭ)."

La reĝisoro diras ke li dum 25 jaroj estis en la penso de ĝia farado kaj ĝi estas miksaĵo de diversaj okazaĵoj, kiujn li aŭdis aŭ mem vidis.

Ĝi komenciĝas per la naskiĝo de Amelie. [Antaŭ la naskiĝo iu mortas kaj tiu persono forviŝas nomon el la kajero. Ni povas diri ke ĝi estas la kajero de la tempo kaj vivo.




La patro kaj la patrino estas tute ordinaraj homoj kaj ili ŝatis iujn aĵojn kaj ne ŝatas iujn aliajn. Ankaŭ Amelie estas tre ordinara, gaja knabino.

La turnopunkto de ŝia vivo estas samtempa kun la morto de Lady Di (Diana) (Latina diino de la ĉaso kaj ĉasteco), kiu estis helpanto de la popoloj kaj onidire bonfaranto.

Ŝi trovinte tiun skatolon, decidas fari iujn bonfarojn. Kaj de tie komenciĝas ŝia anĝela karaktero.

Liveri la skatolon al la posedinto. Kaj liaj reagoj. Post tiu bona faro ŝi sentas kontenton, jen ŝia rekompenso kaj tiu kontento ordinare kaŭzas bonfarojn.

De tiam ŝi fariĝas anĝelo kaj helpas la popolon ĉirkaŭ si, siastile:



Faras venĝajn faraĵojn rilate al la fruktisto, por helpi lian disĉiplon.

Surbendigas novajn okazaĵojn montrantajn nunan tempon por liberigi la maljunan pentriston kiu sin karcerigis en la Renoire-aj pentraĵoj kaj ankaŭ en mallumaj ĉambroj. (Li estas timema knabeto maljuna kiu reagas tiel por kovri sian timon, aŭ simple eskapi el la socio.)

Ŝi skribas falsan leteron el edzo



forgesinta sian edzinon, perdita aŭ, mortinta, mi ne scias, por kondolenci la vidvinon. (Ĉi tie mi devas mencii ke povas esti ke ŝi faras malbonaĵon, sed tiu malbonfaraĵo estas je la servo de bona rezulto. Tiel same en la araba lingvo oni diras: "Ala'malo bennijjat.")





Rilate al sia patro, lin ŝi instigas al vojaĝado.

Ligas la tabakvendistinon kun tiu preskaŭ alloga ulo. (iomete ŝerca kaj laŭ mi la reagoj de la ĉirkaŭuloj estas interesa).



Kaj kiam renkontas al sia destinita amo, ŝi hezitas pro kialoj, eble timo, eble dubo, eble kiu scias kio ... Kaj ĉi tie la iluminita pentristo estas preta por helpi ŝin. (montrante la universan leĝon, Karma).

Bela rakonto ĉu ne? Ĉiam la rakontoj pri la anĝeloj estas belaj.

**Kompozicio kaj Koloro**

Ĉar la filmo estas feliĉfina filmo pro tio la reĝisoro (Jean-Pierre Jeunet) uzis du dominantajn kolorojn, ruĝan kaj verdan, kaj en iuj lokoj solan bluon aŭ flavon li uzis. Kaj en diversaj planoj depende de la aventuroj, li profitis de diversaj nuancoj kaj miksaĵoj de tiuj du koloroj. (Povas esti ke li volis traduki la mesaĝon de la filmo en tiuj du koloroj: verda, kiel la reprezentanto de la vivo kaj amo [... la emocioj de hodiaŭ ...], kaj ruĝa, kiel la

agado, fari ion [Sen vi ...]. Kaj tiuj du koloroj, povas esti ke vi scias, en la cirklo de la koloro estas unu kontraŭ la alia, pro tio ili estas kontrastaj koloroj. Kaj tiu kontrasto kreas allogaĵon kaj kunmiksite kun aliaj malpli gravaj kaj malpli multaj koloroj kreas belecon, kompreneble je la servo de la subjekto. La kameraisto diras ke ĝi estas prenita el brazila pentristo Lea Machao.

Ĉiuj planoj estas kiel pentraĵoj. Tiel ŝajnas ke vi estas en artgalerio kaj flugas de unu pentraĵo al alia. Alia tre grava, kaj bele faritaj estas planoj en kiuj la kamerao movas kaj faras diversajn movojn. Tiuj movoj havas kelkajn karakterizojn, laŭ mi du el ili estas fluigi la scenojn kaj pro tio forigi la filmon el monotoneco kaj tedo kaj doni senton de anĝeleco al la spektanto, emfazi sur la senpezeco. En la filmo multfoje ripetiĝas tiu proksimiĝo de la kamerao al vizaĝo de la karakteroj.

## Ritmo

La ritmo varias laŭ la eventoj, sed entute estas gaja kaj rapida kaj perfekte servas la rakonton.

## Muziko

Muziko ankaŭ estas laŭplaĉa kaj bela. Mi ŝatas ĝin. Ĝi komplete rakontas el la interno de Amelie.

## Amelie

Mi demandis min ke ĉu denove ripetiĝas tiu juneca sperto?

Kiam mi estis en la tria klaso de la gimnazio, en la sola kinejo de Karaĝ - en tiuj nigraj jaroj-, oni surekranigis filmon, nomitan "La aventuroj de la oficejo", de kiu poste oni faris kopion persan. Nu, en ĝi estis geedzoj, kaj la edzino fariĝis ĉefo, kaj okazis postokazaĵoj, kiujn vi povas diveni ... Nu, mi enamiĝis kun la edzino, tri fojojn mi iris spekti la filmon, nur pro tiu belegulino, la fojoj ne atingis la dekan, nur pro la ŝanĝiĝo de la filmo :-) ... . Pri Amelie mi suspektis, ... sed ne, ne. Kvankam ŝi estas bela kaj ŝi mimas tre arte kaj elokvente per siaj gestoj kaj trajtoj (escepte en unu sekvenco) mi certe ne falis en ŝia amo. Sed nur ŝi plaĉas al mi.

Mi pensas ke la reĝisoro volis havi



Amelie-on kiel senkulpan virgulinon kiel la ĉefrolulo. Vi scias ke alia franca aktorino ekzistas, kiu tre similas al ŝi je nomo de **Ĵuliet Binoŝ.** Aŭ nia (irana) **Lejla Hatami,** kiu havas ian senkulpan vizaĝon **kaj** estas ĉiam ŝatinda.

## Genro

La genron mi ne scias klasigi en kiu grupo. Ĉu romantika, ama, psikologia, fantazia, eĉ dokumentaria (Ĉar ĝi havas rakontanton.) Mi povas diri ke ĝi estas miksaĵo de ĉiuj tiuj genroj, kaj tre majstre ilin kunfandis unu en la alia.

Komenca dato: May 25, 2001

Direktoro: Jean-Pierre Jeunet

DVD dato: julio 16, 2002

Muziko: Yann Tiersen

Kinematografio: Bruno Delbonnel

# IREA Raportas

## IREA malfermas fenestreton al sia nesto en Interreto!

**Hamzeh Shafii**



La manko de ampleksa retpaĝaro por aludi diversajn temojn pri la Esperanto Movado en irano ĉiam estis sentata. Ŝajnas ke tiu sento nun povas esti forlasita kaj oni facile kaj simple trovas ĉiujn informojn pri la Movado, Landa Asocio, kaj la lingvo ĝenerale en tiu ĉi retpaĝaro. La adreso ne estas longa kaj malfacila por memori: **www.espero.ir**.




La paĝaro konsistas el du ĉefaj apartaj sistemoj: Persa kaj Esperanto. Ni fokusis ĉefe al la Esperant-lingva enhavo kaj ĝuste pro tio la unua paĝo estas tute en Esperanto kun ligo al persa parto. La kialo por tiu ĉi aranĝo estis ke ni montru nian agadon praktike kaj instigi ĉiujn al la lernado de la lingvo. Krome, ni celis montri nian asocion al la Esperanto-komunumo tra la tuta mondo. Pers-lingvanoj kiuj ne scias esperanton, trovos ligon al la persa retpaĝaro en kiu ili havos atingon al informoj pri la lingvo mem, pri la asocio, lastaj novaĵoj, kaj lern-materialo. La paĝaro nun estas en komenca fazo kaj ankoraŭ bezonas multegon da laboro por atingi stabilan kaj pli-perfektan aspekton, tamen ĝi meritas vian viziton kaj reagon. Skribu al: **info@espero.ir**.

# Floroj el “ La Florejo” (Golestan) de Sadio

***Multe plaĉas flari faman floron (rakonton) de la Sadia Florejo (Golestan) post longa paŭzo. Ĝojan legadon!.***



**Elektis kaj tradukis: D-ro Keyhan Sayadpour**

**Ĉapitro 1, Rakonto 3**



Mi aŭdis pri princo malalta kaj malgranda kies fratoj estis altaj kaj belaj. La reĝo rigardis lin malŝate kaj humilige. La princo saĝe kaj sagace diris: “Ho la patro! Inteligentulo malalta estas pli bona ol altulo stulta. Ne ĉiu alta stature, altas merit-mezure. La ŝafo bonodoras sed l’elefanto fetoras.“

ملک زاده‌ای را شنیدم که کوتاه بود و حقیر و دیگر برادران بلند وخوب روی. باری، پدر به‌کراهت و استحقار درو نظر می‌کرد. پسر به‌فراست و استیصار به‌جای آورد و گفت: ای پدر کوتاه خردمند به که نادان بلند. نه هرچه به‌قامت مهم‌تر به‌قیمت بهتر. الشاة نظیفـة والفیل جیفـة.

Sinaj’(1) estas la plej malalta tera mont’ — اقل جبال الارض طور وانه

Sed ĝi estas la plej valora ĉe Dio — لا عظم عندالله قدرا ومنزلا

Ĉu vi aŭdis pri maldikulo logika — آن شنیدی که لاغری دانا

Kiu iam diris al stultulo dika: — گفت باری، به ابلهی فربه

“Unu araba ĉeval’, kvankam malgranda, — اسب تازی وگر ضعیف بود

Ol stalo da azen’ estas pli efika.“ — همچنان از طویلـه خر به

La patro ridis, la korteganoj admiris, kaj la fratoj sopiris.

پدر بخندید و ارکان دولت پسندیدند و برادران به‌جان رنجیدند.

| | |
|---|---|
| Ĝis la tempo de ies parol-starto | تا مرد سخن نگفته باشد |
| Kovritas ties difekto kaj arto. | عیب و هنرش نهفته باشد |
| Ne ĉiu makulul' estas ĉasaĵo, | هر پیسه گمان مبر نهالی |
| Eblas esti dormanta leopardo. | باشد که پلنگ خفته باشد |

Mi aŭdis ke aperis forta malamiko kontraŭ tiu reĝo. Kiam iliaj armeoj staris unu kontraŭ la alia, la unua persono kiu venis sur la militkampon estis tiu princo. Li diris:

شنیدم که ملک را در آن قرب دشمنی صعب روی نمود چون لشکر از هر دو طرف روی درهم آوردند اول کسی که به میدان درآمد این پسر بود. گفت:

| | |
|---|---|
| "Ne videblas mia dors' dum milito, | آن نه من باشم که روز جنگ بینی پشت من |
| Sed videblas mia kapo sur stango. | آن منم گر در میان خاک و خون بینی سـری |
| Batalant' nur pri sia sango riskas, | کانکه جنگ آرد، به‌خون خویش بازی می‌کند |
| Sed rezignanto, pri l' armea sango." | روز میدان وانکه بگریـــزد به‌خون لشـگری |



Tion li diris kaj atakis al la kontraŭa armeo kaj pereigis kelkajn soldatojn. Veninte ĉe la patro li kisis la teron(2) kaj diris:

این بگفت و بر سپاه دشمن زد و تنی چند مردان کاری بینداخت. چون پیش پدر آمد زمین خدمت ببوسید و گفت:

| | |
|---|---|
| "Ho vi, kiu favoris al mi multe! | ای که شخص منت حقیر نمود |
| Ne rigardu dikecon kiel povon! | تا درشتـــــــــی هنـر نپنداری |
| La armeo bezonas dum milito | اسب لاغر میان به‌کار آیـــــد |
| Maldikan ĉevalon, nek dikan bovon." | روز میـــــدان، نه گاو پـرواری |

Oni rakontis ke la malamika armeo estis multenombra kaj la ilia, malgranda. Kelkaj soldatoj ekpensis foriri. La filo ekkriis: "Ho viroj! Aŭ plu restu aŭ kiel virinoj sin vestu!" Per tiuj vortoj la braveco de la soldatoj pliiĝis kaj ili subite atakis la malamikon. Mi aŭdis ke ili venkis la malamikan armeon dum la sama tago. La reĝo kisis la kapon kaj okulojn de la princo, alprenis lin apud sin, ĉiutage pli kaj pli atentis lin kaj fine elektis lin kiel sian anstataŭonton. La fratoj enviis kaj metis venenon en lian manĝaĵon. Lia fratino de sur la balkono vidis kaj aludis la aferon al la princo. Li komprenis kaj rezignis manĝi kaj diris: "Ne eblas tio ke povuloj iĝu mortaj kaj senpovuloj iĝu fortaj."

آورده‌اند که سپاه دشمن بسیار بود و اینان اندک. جماعتی آهنگ گریز کردند. پسر نعره زد و گفت: ای مردان بکوشید یا جامه زنان بپوشید. سواران را به‌گفتن او تهور زیادت گشت و به‌یکبار حمله آوردند.

شنیدم که هم در آن روز بر دشمن ظفر یافتند. ملک سر و چشمش ببوسید و در کنار گرفت و هر روز نظر بیش کرد تا ولیعهد خویش کرد. برادران حسد بردند و زهر در طعامش کردند. خواهر از غرفه بدید دریچه برهم زد. پسر دریافت و دست از طعام کشید و گفت: محالست که هنرمندان بمیرند و بی هنران جای ایشان بگیرند.

| | |
|---|---|
| Neniu sub la guf-ombron venas | کس نیاید بەزیر سایـــه بــوم |
| Krom se l' mondo je Homa(3) malplenas. | ور همای از جهان شود معدوم |

Oni informis la patron pri la okazaĵo. Li kolektis la fratojn kaj dece punis ilin. Poste elektis ĉiun el ili kiel estron de unu provinco de la lando, por fini la kveleron kaj estingi la malicon: Dek derviŝoj dormas sur mato sed du reĝoj ne restas en ŝtato.

پدر را از این حال آگهی دادند. برادرانش را بخواند و گوشمالی بەواجب بداد. پس هر یکی را از اطراف بلاد حصه معین کرد، تا فتنه بنشست و نزاع برخاست، که ده درویش در گلیمی بخسبند و دو پادشاه در اقلیمی نگنجند.

| | |
|---|---|
| Se piulo manĝas pan-duonon, | نیم نانی گر خـــورد مرد خدا |
| al derviŝ' li donas la alian. | بذل درویشان کند نیمی دگر |
| Regnon se konkeras ŝaha moŝto, | ملک اقلیمی بگیرد پادشـاه |
| li pensas kiel konkeri plian. | همچنان در بند اقلیمی دگر |



**Fin-Notoj:**

1- Antikva monto en Egiptujo, sur kiu revelacio atingis al Moseo.
2- Antikva kutimo por montri sian respekton al granduloj, kiel reĝoj.
3- Homa, fabela mita birdo en la persa literaturo, simbolo de feliĉo kaj bonaŭguro, dum gufo simbolas malon.

# Unuafoje Irano gajnis “Oscar” premion

Tehrano, feb 27 (MNA) – Irana filmo "La Disiĝo" gajnis kiel la fremdlingva filmo Oscar Premion. Ĉi tiu premio komplementas la vastan varion de honoroj la filmo ricevis por ĝia verkisto / direktoro Asghar Farhadi, kiu ricevis la Oscar de aktorino Sandra Bullock en la Hollywood & Highland Centro en Hollywood, Kalifornio. "Je tiu tempo, multaj irananoj tutmonde rigardas nin kaj mi imagas ke ili estas tre feliĉaj" Farhadi diris en sia akcepta parolado."Mi fiere donacas ĉi tiun premion al la homoj de mia lando, la personoj kiuj respektas ĉiujn kulturojn kaj civilizaciojn," li aldonis.





"La Disiĝo" rakontas la historion de mezklasa urbano kiu planas eksedziĝi. La filmo, prezentita en Irano kun la titolo "Nader kaj Simin-a Disiĝo", gajnis premion ankaŭ en kvin kategorioj en “Fajr festivalo”, inkluzive de la plej bona direktoro kaj plej bona skriptisto premioj. La filmo ripetis lian sukceson en la 2011 Berlinale, kie Farhadi ricevis “la Ora Urso”-n por la plej bona filmo. La filmo ankaŭ alportis al Farhadi kaj liaj kolegoj multajn grandajn kaj malgrandajn premiojn en aliaj internaciaj okazaĵoj. "La filmo iĝis la pridiskuto en ĉiuj iranaj urboj post kiam estis kronita kiel la plej bona eksterlanda filmo en la Golden Globe Awards en Los-Anĝeleso en januaro 2012. Iranaj kino-ŝatantoj fieras pri la fakto ke la filmo ricevis internacian sukceson.

Foto: "La Disiĝo" verkisto/ direktoro Asghar Farhadi tenas la Oscar premion de plej bona fremdlingva filmo en la 84 Academy Awards en Hollywood la 26 de februaro, 2012. (Xinhua foto)MMS / HGENDMNA

**Hamzeh Shafii**